# Literatura Mondo



P. SZINYEI-MERSE — PARKO



MARTO 1925 IV. JARO 3. NO.

ELDONAS: HUNGARA ESPERANTO INSTITUTO BUDAPEST, EÖTVÖS UCCA 3

## NIA KUNLABORANTARO

LOUISE BRIGGS (ARMLEY), J. GRAU CASAS (BARCELONA), HELMI & HILDA DRESEN (TALLINN), NIKOLAO HOHLOV (ZAGREB), IVAN H. KRESTANOFF (PIRDOP), A. MAZZOLINI (FERMO), JAN VAN SCHOOR (ANTWERPEN), TIBERIO MORARIU (BUCURESTI), PAUL NYLÉN (STOCKHOLM), EMMA L. OSMOND (LONDON), PETRO STOJAN (CHISINAU), M. SOLOVJEV (NOVI SAD), DRO LEONO ZAMENHOF (VARSOVIO), RAYMOND SCHWARTZ (PARIS), J JURYSTA (CZENSTOCHOVA), STANISLAW BRAUN (LODZ), HENRIKO SEPPIK (TALLINN), DANIEL EYQUEM (PARIS), ZANONI.

# KARAJ LEGANTOJ

Anstataŭ la kutimaj instigoj kaj plendoj (kiuj, tamen, ankoraŭ estas aktualaj) ni donas nun ĉiloke enigmon. Enigmon laŭmodan, kiu precipe en Ameriko estas en granda favoro. Ĝia Esp. nomo estu KRUCENIGMO.

La unuan enigmon ni ne volis fari tro malfacila. Se ni vidos sufiĉan interesiĝon pri ĝi, sekvos enigmo simila en ĉiu numero. Certe, por solvi ilin, necesas bone scii Esperanton.

La maniero de la solvo estas la jena. Ĉe ĉiu cifero komenciĝas vorto, kies senco estas ĉirkaŭskribita en la aldonita listo. La vorto havas tiom da literoj kiom da kvadratoj troviĝas en la respektiva vico, de la cifero ĝis la fino de la vico, aŭ ĝis la plej proksima nigra kvadrato. Estas *horizontalaj* kaj *vertikalaj* vicoj. Ankaŭ la direkto de la vicoj estas eksciebla per la listo.

Inter la solvintoj ni lotumos tri premiojn

1) Duonjara abono de L. M. 2) La tragedio de l' Homo. 3) Karinthy-Kalocsay: Morgaŭ matene.

Jen la enigmo:

### HORIZONTALE

1) La plej ampleksa romano en Esp.
2) sufikso havanta tri sencojn
3) harmonia kunsonoro
4) polico pri ĝi gardas
5) oni diras pri tiuj kiuj ne ĉeestas
6) nombro
7) sur bordo troviĝas
8) juvela ŝtono
9) prepozicio
10) nia plej fidela akompananto
11) itala rivero
12) la plej granda balalo en Esperantujo
13) estas maldolĉe aŭdi tion ĉi de virino
14) geamantoj celas fariĝi

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | | 17 | | 19 | | 21 | 23 | |
| | ■ | 2 | | | ■ | | | ■ |
| | ■ | | 3 | | 4 | | | |
| 5 | 16 | | ■ | | | | 6 | 24 |
| 7 | | | | ■ | 25 | ■ | ■ | |
| 8 | | | | 20 | ■ | 9 | | |
| ■ | 10 | | 18 | | | ■ | 11 | |
| 15 | ■ | | 12 | | | 22 | | ■ |
| 13 | | ■ | | ■ | 14 | | | |

### VERTIKALE

1) branĉo de poezio
4) metalo
11) prepozicio
15) prepozicio
16) grandfolia kreskajo apudvoja
17) fama monto japana
18) interjekcio uzata precipe en teatro
19) en la Alpoj oni vidas multajn
20) metalo
21) ruĝa farbo
22) vorteto por la esprimo de insisto, certigo
23) Aleksandro la Granda estis pri ĝi fakulo
24) tridimensia geometria formo
25) la plej ofta vokalo en Esp.

La solvon oni sciigu tiamaniere ke post la ciferoj 1—25 oni skribas la solvitajn vortojn.
Limdato: la 30a de Aprilo.
Bonan sukceson!

# DU NOVELOJ

VASLY STEFANYK

## MALUTILO

Ĉe mastrino Roman ekmalsanis la bovino. Ĝi kuŝis sur la pajlo kaj malĝoje rigardis per la grandaj grizaj okuloj. Naztruoj ĝiaj tremis, haŭto ĝia sulkumiĝis, la tuta besto tremis pro febro. De ĝi aromis malsano kaj terura, sed muta doloro. En tia okazo plej doloras ke bruto ne povas ekparoli kaj plendi.

„Okulvideble ke ĝi ne saviĝos. Eble oni povus helpi se la malsano sidus en la sango, sed ĉi okaze iu sorĉis per okuloj, kaj helpi estas neeble. Submetu vin al la Dia favoro, eble venos ia konsolo..." Tiel parolis Ilaŝo, kiu konis la brutkuracarton.

„Ho Ilaĉjo, videble ĝi ne saviĝos, kaj se ĝi pereos, ankaŭ mi ne estos plu bezonata. Tutan mian vivon mi pereigis, por ĝisvivi la propran bovineton. Post mia edzo mi restis vidva, la filo mortis militserve kaj mi sangis kaj laboris tagon kaj nokton. Jen la vintraj longegaj noktoj, kaj mi ĝis tagiĝo ŝpinas, ĝis ŝvelas miaj fingropintoj, ĝis sablo en okuloj pikas. Nur Dio sola scias, kiel maldolĉe mi ĉiun groŝon kunmetadis, ĝis mi sukcesis kolekti..."

„Al malriĉulo, sciu, ĉiam tiel prosperas, forlabori la manojn ĝiskubute, kaj vane! Estas ja tiel, kion fari? Tia la vivo..."

„Ne scieble kion fari, la kapo turniĝas. Kiu povas doni konsilon?"

„Provu ankoraŭ baldaŭe mendi diservon kaj tagmanĝon por malsatuloj. Aŭ promesu piediri indulgencon de Joano Suĉava ; oni diras ke tio ofte helpas."

„Ho, jam mi intencis, kaj la tagmanĝon, kaj la Dipatrinon en Zarvanica kaj nun promesas ankaŭ tiun de Joano Suĉava."

„Eble, mi diras, Dio vin helpos, se vi al Li vin submetos. Donu al vi Dio la plej bonan!"

Kaj Ilaŝo foriris.

Mastrino Roman sidiĝis ĉe la bovino kaj gardis ĝin, ke ĝi ne pereu. Ŝi donis al ĝi kion ŝi havis plej bonan, sed ĝi nenion volis manĝi. Nur rigardis kontraŭ la maljunulino kaj des pli ŝin kompatigis.

„Etulino, etulino, kio vin doloras? Ne lasu maljunan virinon sen kulero da lakto. Konsolu min almenaŭ iomete".

Kaj ŝi karesis la bovinon ĉe la frunto kaj ĉe la kolo kaj lamentis super ĝi.

*Vasyl Stefanyk, ukraino, filo de vilaĝano, naŝkiĝis en Galicio 1871. Studis la medicinon en Krakovo kaj antaŭ la milito estis radikala deputito ĉe la aŭstria parlamento.

En siaj verkoj li priskribas la vivon de ukraina vilaĝano, tiu sklavo de popolo, tiel vere, tiel senpere ke en la tutmonda literaturo estas malfacile trovi ion similan. Eĉ en la geniaj vilaĝaj bildoj de George Sand — „François de champs", „La petite Fadette", — vilaĝo kaj vilaĝanoj estas tro lumigitaj per romantikismo. Same de Maupassant kaj Zola oni ne sentas la socian subigon de vilaĝano. Same ĉe aliaj nacioj...

Ĉe Stefanyk ĉiam regas nepra tragikeco : „... Al vilaĝanoj estas tiel: kio estas en la mondo plej malbona, tion ili devas sperti, kio estas plej malfacila tion ili devas plenumi..." — diras liaj herooj — kaj la aliaj respondas: Por tio ni estas naskitaj.

Sur tri paĝoj plejparte donas Stefanyk tremigan bildon de kamparana sorto kun tiom da forteco kaj profundo ke vane oni serĉus tiel kondensitan verkiston. „Non multum sed multa", — estas lia moto.

Liaj verkoj pro majstra uzo de vilaĝana parolmaniero estas malfacile tradukeblaj, sed por konatigi la samideanaron kun tiu geniulo mi riskis kelkan provon. *La tradukinto*

„Kiel, kiel mi povos kuntiri miajn bezonojn por alia?! Nek la fingroj kunmetiĝas, nek kudrilon surfadenigi mi sukcesas; kiamaniere en maljuneco mi perlaborus bovinon?"

La bovino tremis kaj mastrino Roman kovris ĝin per sia pelto kaj ŝtoniĝis apud ĝi, duonvestita dum frosto. Klakadis ŝiaj dentoj, sed ŝi ne foriris eĉ unu paŝon.

„Eble pro la pekoj nun Dio tiel min punas? Ĉar pro vi, malfeliĉa, mi ofte pekis! Jen trans limo fremda mi paŝtis, jen kukurbeton mi forŝiris, jen branĉeton mi forrompis. Sed la lakton al neniu mi avaris. Ĉu ie malsanas infano, ĉu ie virino akuŝiĝas, mi tuj iras kun la poto kaj portas lakton. Eĉ fromaĝon al maizkaĉo mi ofte donis al la homoj. Di-sinjoro, ne punu min tiel severe — malriĉan vidvinon. Nenion fremdan mi jam tuŝos, nur pardonu, cedu al mi tiun ĉi bovinon!"

Tiel ĝis malfrua nokto lamentis mastrino Roman ĉe la bovino. Ŝi aspergis ĝin, sed nenio helpis. Ĝi disetendis la piedojn tra la tuta staleto kaj blovumis per la flankoj, ekblekante. La virino glatumis, ĉirkaŭprenadis, karesis, sed tamen neniom ŝi povis helpi.

La luno lumigis la staleton tra la pordo, kaj la maljunulino vidis ĉiun movon de la bovino. Fine ĝi leviĝis. Apenaŭ ĝi povis sin teni sur la piedoj. Ĝi ĉirkaŭrigardis la staleton, kvazaŭ adiaŭante ĉiun angulon.

Poste ĝi falis sur la pajlon kaj disstreĉiĝis kvazaŭ kordo. Mastrino Roman ekgenuis apud ĝi kaj frotis ĝin per pajlofasko. Ŝi mem ne sciis kio al ŝi okazas. Poste la bovino laŭte ekĝemis kaj komencis bati per la piedoj. Al mastrino Roman fariĝis varme, flavis antaŭ ŝiaj okuloj kaj ŝi falis sangante. La bovino batis per la piedoj kaj ŝiris en pecojn la maljunulinon.

Ambaŭ baraktis mortante.

## BLUA LIBRETO.

Tiu Antono, kiu nun ebrie bruadas sur la placo, ĉiam spertis nur malfeliĉon. Ĉio kuris al li el la manoj, kaj nenio en la manojn. Li aĉetas bovinon, ĝi mortaĉas, li aĉetas porkon, ĝi teniumiĝas. Ĉiam tiel.

Sed kiam mortis lia edzino, kaj post tio ankaŭ du filoj, tiam Antono tute aliiĝis, drinkis, ho drinkis kaj drinkis; fordrinkis kampon, fordrinkis ĝardenon, kaj nun vendis la kabanon. Vendis la kabanon, prenis de la vilaĝestro bluan servolibreton kaj devas ien iri, dungiĝi, trovi servon al si.

Tie li sidas ebrie kaj kalkulas, ke aŭdu la vilaĝo, al kiu li vendis la kampon, al kiu la ĝardenon kaj al kiu la kabanon.

„Mi forvendis kaj perdita! Ne plu mia kaj finita Ne mi-a! Ho, se mia avo nun vekiĝus el la tombo Moŝtsinjoro, kvar bovoj belegaj, dudek kvar morgo da kampo, konstruaĵoj plej belaj en la vilaĝo! Ĉion l havis. Kaj la nepo, jen!"

Li montradis al la gevilaĝanoj la bluan libreton.

„Ho, drinkas mi kaj drinkos plu. Por la propra mi drinkas, neniu rajtas malhelpi. Kaj li al mi diras: aĉulo, la kampon vi forsorbis! Sigelon li presas kaj insultas! Ho, mi konas pli moŝtajn vilaĝestrojn ol tiu ĉi.

„Ke via morto estu tiel facila, kiel al mi nun!"

„Iras mi de la kabano, for, tute mi jam foriras kaj

mi kisis la sojlon kaj iras. Ne mia plu kaj finite! Forpelu min kiel la hundon de fremda korto! Permesite — mi petas. Estis la mia, kaj nun fremda. Eliras mi eksteren, kaj la arbaro bruas, kvazaŭ parolas: revenu, Antono, al la kabano, revenu, aĉulo!"

Antono per ambaŭ pugnoj batas sian bruston ke en la vilaĝo ĝi eĥas.

„Sciu, tia sopiro min kaptis, ega sopiro! Eniras mi ree la kabanon. Eksidis mi, sidis, kaj eliras — ne mia, kion mi povas diri, se ne mia..."

„Ke al miaj malamikoj tiel estu morti, kiel al mi estis forlasi mian propran hejmon!"

„Eliras mi en la korton... tute malklariĝis. Verda musko sur la kabano, la tegmento urĝas riparon. Fulmotondro — ne mi vin plu, karulo, riparos. Ŝtono, — eĉ ŝtono rompiĝus pro bedaŭro!"

Post ĉi tiu vorto Antono batas per la manoj la teron, ĝi estu tiu ŝtono.

Sidiĝis mi sur la ĉeporda sojlo. La mortintino ankoraŭ ĝin formis, kaj mi argilon per ĉaro veturigis. Mi nur volas stariĝi, kaj la sojlo ne lasas, mi rektiĝus — ĝi ne lasas. Kaj al mi enue, enuege, ne! Mi preskaŭ pereas... Sidas mi kaj ploregas, tiel ploregas, kvazaŭ iu de mi haŭton po-strie ŝirus. La homoj gapas pro mia pento".

„Jen, vidu, ĉe la pordego la pastro nekrologis. La tuta vilaĝanaro ploris. Inda, li diras, estis ŝi edzino, laborema..."

„Turniĝu en la tomboj, karuloj, ĉar fripono mi estas. Fordrinkis mi ĉion ĝis la eroj. Eĉ la tolon mi fordrinkis. Ĉu vi aŭdas, Maria, kaj vi Vasilĉjo, kaj vi Jurĉjo, nun paĉjo portos butikaĉajn ĉemizojn kaj al judoj akvon li portados...

Nun Antono montras la vilaĝestran domon.

„Sed la vilaĝestrino — bona virino. Ŝi elportis al mi panon por la vojo, ke la vilaĝestro ne vidu. Di-sinjoro favoru al viaj infanoj, en ĉiu paŝo. Al vi ĉiuj Dio donu pli da bono ol al mi..."

„Kiarajte mi sidu sur fremda sojlo? Mi iras. Mi nur ekpaŝis kaj la fenestroj eklamentis. Ekploris ili kiel malgrandaj infanoj. La arbaro ilin konsolas, kaj larmon post larmo ili gutas. Ekploris pro mi la kabano. Kiel infano post la patrino — tiel ĝi ekploris."

„Viŝis mi per basko la fenestrojn, ke ili min ne priploru, ĉar ne valoras, kaj tute mi foriris."

„Ho facile, samkiel ŝtonon mordi. Malluma mondo antaŭ mi..."

Antono ĉirkaŭmontras per la mano.

„Estas ĉi tie ankoraŭ la mono, sed mi drinkos. Kun miaj homoj mi drinkos, kun ili mi malŝparos. Por ke ili sciu, kiel mi forlasis la vilaĝon."

„Jen, ĉebruste mi havas bluan libreton Tio estas mia kabano kaj mia kampo kaj miaj ĝardenoj. Kun ĝi mi iras ĝis mondlimoj! Libreto de la imperiestro, ĉien la pordoj por mi malfermitaj. Ĉien. Kaj ĉe sinjoroj kaj ĉe judoj kaj ĉe ĉiu — konfeso!"

El la ukraina: *Oresto Kuzjma*

---

# VIKTIMOJ

*ROMANO EL LA VIVO DE SIBERIAJ MILITKAPTITOJ*

**JULIO BAGHY**

KVARA ĈAPITRO.

En la ĉambro N-o 10 de la artista barako oni estis metinta la tablon en la ĉambromezon. Gaje babilanta societo sidis kune. Ili regalis la nove alvenintajn samsortanojn, kiuj antaŭ du-tri monatoj ankoraŭ ĝuis la liberecon en la malproksima patrujo.

El la kontraŭflanka ĉambro de la germanaj artistoj aŭdiĝis gitarsonoj kaj laŭta kantado. Heimmüller mankis el la hungara ĉambro. Li iris al siaj samlandanoj, kiuj ankaŭ akceptis novajn konatulojn.

Mankis ankoraŭ Petro kaj Johano. Oni ne atendis ilin, ĉar la maljuna Stefano jam anoncis la dumnoktan foreston de Johano. Verŝajne Doŝky venos poste.

Ĉirkaŭ la tablo sidis dekunu militkaptitoj el plej diversaj partoj de Hungarujo. Ĉiu estis vera tipo de artisto. La ĉefanlokon okupis Keĉemen, la talenta poeto. Apud li dekstre kaj maldekstre sidis du gastoj.

Keĉemen rakontis kun viglaj gestoj ion amuzan al la mirantaj gastoj, kiuj ankoraŭ nur de kelkaj semajnoj manĝis la rusan panon.

— ...kaj la tuta tendaro estis severe gardata. Kiel do foriri? Gardisto kun bajoneto kaj pafilo staris antaŭ la pordego de la barilo. Frumatene mi, kaj tri aliaj, ellitiĝis. Ni prenis cigarskatolon, alnajlis ĝin sur stangon, al kiu ni faris tri piedojn, ni prenis inĝenieran mezurfadenon, kiu hazarde restis ankoraŭ en la tornistro de iu, kaj ni iris sur la korton. Ni komencis la komedion. Mi estis la inĝeniero. Tenante kajeron en la mano kaj senĉese farante notojn, mi komandis meti la tripiedan aparton jen tien, jen ĉi tien. La gardisto respekte rigardis nin. Dume du aliaj per longa kolorigita stango kaj per metalfadeno mezuris la teron. La gardisto palpebrumante observis. Paŝon post paŝo ni proksimiĝis al la pordego. Fine ni atingis ĝin.

— Kaj la gardisto? — malpaciencis unu el la gastoj.

— Aŭskultu! Mi montris al la gardisto ian paperon, sur kiu ni kopiis stampilon per trikopejka monero kaj skribis hungarlingvajn sensencaĵojn per rusaj literoj. La gardisto ĝin rigardis precipe la stampilon li observis longe kaj atente kaj — salutante li malfermis la pordegon. Ni daŭrigis la mezuradon kaj laŭvorte ni elmezuris nin el la tendaro. De tiam mi estas malamiko de analfabetaj kursoj.

La novaj militkaptitoj ekridis, la malnovaj, kiuj konis la historion, ridetis bonguste. Keĉemen daŭrigis.

— La reveno estis jam pli malfacila afero... En tiu tempo estis malpermesate enporti ion, precipe viandon. La rusoj verŝajne tiamaniere volis venĝi pro la sinsekvaj malvenkoj... Ni aĉetis porkon en la apuda vilaĝo... Sed kiamaniere fari la kontrabandon, jen estis la demando. Doŝky havis bonan ideon. En nia ĉirkaŭbarita bataliono, kiu enhavas pli ol dek barakojn, troviĝas ankaŭ malsanulejo. La flegistoj, kun la ruĝkruca manikbanderolo, havis ĉiam la rajton, en- kaj eliri libere. Ni bazis la ruzaĵon je tio ĉi. Surmetinte la banderolojn, ni faris el du stangoj portilon, metis sur ĝin la mortigitan porkon, vindis ĝian sangan kapon per tolo kaj la verkon ni kronis per soldata ĉapo.

— Nun sekvis kovro per dika soldatmantelo, levo kaj — ekiro hejmen. Doŝky kaj mi estis la gvidantoj. Dumvoje ni renkontis kelkajn rusajn oficirojn, kiuj varme interesiĝis pri nia vundita kamarado. Doŝky rakontis al ili kortuŝan historion. La kozaka kapitano vundis nian malfeliĉan kamaradon per sabro, ĉar li forgesis ĝustatempe saluti lin. La oficiroj kredis al li, ĉar ĉiuj konis la terure kruelan naturon de la kozaka kapitano. Ili do kompate balancis la kapojn kaj instigis nin: Rapidu kun li, homoj, al la kuracisto!... Kaj ni iris, ni rapidis! Nun venis la pordego kun la rusa gardisto. Dio helpu! Nu, li vidante la sangantan korpon, senvorte, tuj, larĝe malfermis la pordegon. Dume dekkelkfoje li faris krucsignojn... Tiamaniere ni sukcesis superruzi la severan caran reĝimon.

Keĉemen finis. Sekvis granda, longa rido.

La pordo malfermiĝis. Doŝky venis. Aklame oni salutis lin.

— Ah! Kie vi forlasis Johanon.

— Li iris en la urbon — respondis Petro.
— Kune kun la prokuroredzino. Ĉu ne? — rimarkis Ŝolath, longhara pentristo.
— Jes!
— Eĉ feliĉo, ke li ne alvenis kun vi, ĉar ni estas dektriope, — esprimis sian superstiĉan opinion la dika Varga.
— Vere, ankoraŭ unu mankas al dektri, — konstatis unu el la gastoj.
— La superstiĉa dektria numero. Kiu venos dektria en la ĉambron, tiu mortos en tiu ĉi jaro.
— Nepre mortos, — ridis Doŝky kaj la aliaj ridis kun li.
Iu ekfrapis la pordon. Ĉiuj eksilentis. Malgraŭ ĉia facilanimeco kaptis ilin la superstiĉo.
La ekstere-staranto ripetis la frapadon.
— Nu! Envenu! — donis la permeson Keĉemen.
La malalta mizera figuro de Izor Steiner aperis sur la sojlo. Li estis la brokantisto de la militkaptitoj el la najbara barako. Kun larĝa rido li haltis antaŭ la pordo.
— Bonan amuziĝon, sinjoroj volontoroj! Bonan amuziĝon!
— Bonvenon, Izor! — diris Petro. Kion vi portis?
Izor singarde metis sian ĉapon sur la plankon kaj prenis el sub sia brako nigran pantalonon.
— Jen! Pantalonon!
— Ah! Jes!
— Jes! Pantalonon! Mi kuŝis sur mia litbenko kaj pensadis. Mi ĉiam pensadas, se mi kuŝas sur mia litbenko. Kaj subite venis al mi en la kapon, ke Salomono portis por vendo nigran oficiran pantalonon el la oficira tendaro. Salomono estas mia helpanto kaj samfirmano. Nuu! Venis en mian kapon, ke antaŭ kelkaj tagoj sinjoro Bardy petis min akiri nigran oficiran pantalonon al sia frako. Kaj kuŝante sur mia litbenko mi diris al Salomono, al mia helpanto kaj samfirmano, ke mi iros al sinjoro Bardy por montri la pantalonon. Bone! Diris Salomono. Kuŝante sur mia litbenko mi rigardis tra la fenestro de nia barako la fenestron de via ĉambro kaj mi vidis, ke ĝi estas luma. Venis al mi en la kapon, ke verŝajne sinjoro Bardy estas hejme kaj mi venis por montri la pantalonon.
— Sinjoro Bardy ne estas hejme. Li iris en la urbon, kaj nur morgaŭ li revenos.
— Faras nenion. Estas ĉi tie anstataŭ li sinjoro Doŝky. Sinjoro Doŝky aŭ sinjoro Bardy estas tutegale.
— Nonono!
— Preskaŭ! Mi volas diri. Preskaŭ! Cetere jen estas la pantalono. Rigardu, sinjoro Doŝky! Ĝi estas tute nova.
Izor montris la pantalonon kun triumfa okulbrilo. Doŝky rigardis ĝin.
— Preskaŭ, Izorĉjo! Nur preskaŭ!
Izor ekridis.
— Nu tute nova ĝi ne estas, tamen en bonega stato.
Doŝky rigardis la pantalonon. Ĉe la tablo oni parolis pri la moralo de la virinoj. Unu el la gastoj, juna kadetaspiranto, fanfarone rakontadis siajn amajn aventurojn. La aliaj avide aŭskultis.
— Kiom vi volas por tiu ĉi ĉifono, Izor? — komencis la marĉandon Petro.
— Ĉifono? Ĉifonooo!? Sinjoro Doŝky, vi perdis la vidon, se vi nomas ĉi tiun belegan pantalonon ĉifono. Neniam mi portis pli belan pantalonon, eĉ dum mia fianĉeco. Ĉu vi pensas, ke mi volas trompi vin? Neniam mi revidu mian familion, kiun Dio plimultigu, se ĝi ne estas pantalono.
— Bone! Sed kiom kostas?
— Nur dekdu rublojn. Nur dekdu.
Petro redonis la pantalonon kaj estis revenonta al la tablo. Izor kaptis lin ĉe la maniko.
— Kiom vi volas doni por ĝi?
— Vi petis tro multe. Neniom!
— Dekunu, sinjoro Doŝky! Dekunu kaj mi povas konfesi, ke mi ne havos multe da profito.
— La pantalono valoras kvin rublojn kaj mi donas al vi sep. Ĉu bone?
— Ĉu vi opinias min freneza. La sinjoro oficiro, kiu komisiis min per la vendo, nepre detranĉus mian kapon, se mi donus ĝin por kvin rubloj.
— Sep, Izorĉjo. Sep.
— Nu? Kaj kie estos mia profito?
— La pantalono ne valoras pli. Oni povas tra ĝi kalkuli la stelojn.
— Kalkuli la stelojn, vi diras. Tra tiu ĉi pantalono vi volas kalkuli la stelojn? Tra tiu ĉi delikata peco?
Izor levis la pantalonon antaŭ la lumon de la lampo, sed li subite reprenis ĝin.
— Estu mi fava hundo, se mi povis kalkuli la stelojn tra ĝi, sed por ke vi ne povu diri, ke la maljuna Izor estas malbona homo, mi malaltigas la prezon kaj klarigos al la sinjoro oficiro, ke la pantalonon mi preskaŭ bonfare vendis al iu tre malriĉa soldato. Ĉu bone? Mi diris dekunu. Ĉu ne? Dekunu mi diris. Nun mi diras dek. Sed ne marĉandu, sinjoro Doŝky, ne marĉandu, ĉar kredu, ke mi jam nun perdas per la negoco. Mi nur ne volas perdi konstantan aĉetanton.
— Izor! — diris Petro kaj preninte sian monujon etendis al la brokantisto ok rublojn. — Jen ok rubloj! Se vi volas akcepti, lasu la pantalonon, se ne, prenu ĝin for.
— Aj! Aj! Vi estas tre perforta, sinjoro Doŝky! Sed kion fari? Mi tre ŝatas la artistojn. Mi diros al la sinjoro oficiro, ke la pantalonon forprenis de mi la rusoj. Jen la pantalono! Prenu, sed al neniu diru, ke mi vendis ĝin tiom bagatele. Oni priridus min. Eĉ al Salomono, al mia helpanto kaj samfirmano mi diros, ke la rusoj forprenis ĝin de mi. Li havus apopleksion, se li ekscius, ke mi donis ĝin kvazaŭ donace.
— Donacon mi ne volas. Prenu la pantalonon kaj punkto.
— Ajaj! Ne estu tiel fiera, sinjoro Doŝky. Mi ne volis ofendi vin. Mi nur kvietigas mian konsciencon. Nu!
Izor metis la pantalonon sur la litbenkon de Bardy kaj forpreninte la monon li kliniĝis al la planko por sia ĉapo.
— Ĉu vi scias, ke vi estis la dektria en la ĉambro? — ĵetis la frazon Varga al la forironta brokantisto.
— Ajve! Nu, belegan negocon mi faris, — ekkriis Izor kun ektimo kaj lia mieno fariĝis malespera. — Mi profitis nur tri rublojn kaj certan morton.
— Ne timu Izorĉjo! Ni ĉiuj rikoltos morton ĉe la fino de la vivo. Ni ĉiuj devas morti, — konsolis lin ridetante Petro.
— Sed morti ĝuste kiel la dektria, estas granda diferenco.
Izor ekĝemis kaj foriris. Petro revenis al la tablo. Ankoraŭ ĉiam la juna kadetaspiranto fanfaronis.
— Jes! Jes! La virinoj estas ĉie virinoj. Ne nur en Ruslando, sed ĉie malaltiĝis la moralo. Ĉu vi opinias, ke niaj virinoj estas sanktulinoj. Tute ne! En tiu urbo, kie mia garnizono estis, mi havis belegan amatinon. Ŝi estis tre ĉarma ino. Ino en la vera senco de la vorto. Ŝi estis pasia kaj nekontentigebla. Se oni vidis ŝin sur la strato, ŝi estis kvazaŭ Madono kun mildaj trajtoj kaj sufere serioza mieno, sed hejme... Hejme ŝi estis nekontraŭstarebla diablino...
— Ĉu vi ne hontas rakonti tiajn aventurojn? — riproĉis lin Petro. Ĉi tie estas kelkaj inter ni, kiuj havas edzinon hejme kaj tiaj fantaziaĵoj vekas turmentajn sentojn en ili. Mi ne ŝatas la fanfaronadon. Cetere honesta virino restas fidela ĝis la tombo.



P. Szinyei-Merse Sovaĝpapavoj. 1902
(Kun la permeso de „Könyves Kálmán")

— Ĉu vi opinias, ke mi parolas mensogaĵojn? — respondis atakeme la kadetaspiranto. — Tute ne! Ŝi eĉ donis sian fotografaĵon antaŭ ol mi foriris al la tranĉeoj. Se vi ne volas kredi al mi, mi montros ŝian portreton. Jen, vidu, ke mi ne fanfaronas, dirante, ke ŝi estas belega virino.

Li prenis paperujon el sia poŝo kaj post iom da serĉado li ĵetis virinan fotografaĵon sur la tablon.

— Jen! Konvinkiĝu!

Ĉiuj rigardis scivole la portreton.

Subite eksplodis vekrio en la ĉambro. Kvazaŭ fulmobato impresis la krio.

— Mia edzino!

Eksonis la terura krio kaj Dogler, la plej silenta samĉambrano, kun sovaĝa mieno fikse rigardis la fotografaĵon.

— Mia edzino! — kaj lia voĉo plore ektremis.

Doŝky kun subita decido saltis al la kadetaspiranto kaj ŝovis lin al la pordo. Keĉemen retenis la furiozantan Dogler, kiu subite kun blinda furiozo volis sin ĵeti al la kadetaspiranto. Komenciĝis granda luktado. Kelkaj klopodis bridi la malfeliĉulon, kiu en sia senpova kolero en propran korpon entranĉis la ungojn. La aliaj rapide forigis la malagrablan vizitanton.

— Mia edzino! Mia edzino! — ripetis Dogler en sia doloro, jen plore, jen furioze frapante per la piedoj. Disŝirinte sur si la bluzon, sangajn striojn li tranĉis per la ungoj sur sia nuda brusto.

— Dogler! Havu prudenton! — kvietigis lin Keĉemen kaj penis malhelpi lin. — Nu! Amiko mia! Dogler!

— Mia edzino! Mia edzino!

La sama veado aŭdiĝis ankoraŭ kelkajn minutojn. Ĉiuj staris konfuzite, ne sciante kion fari, kion diri.

Subite Dogler eksaltis kaj kuris al sia litbenko, super kiu, sur la muro pendis la familia bildo. Lia edzino kaj lia fileto. Inter ili estis kopiita la fotografaĵo de Dogler, kiun li sendis antaŭ unu jaro hejmen. Kiel li ĝojis antaŭ kelkaj semajnoj, kiam ricevinte la bildon de sia familio li povis trovi inter ili ankaŭ sin mem, almenaŭ bilde. Kiel li ploris pro la ĝojo.

Dogler ŝiris la bildon de sur la muro kaj ĵetis ĝin en la fornon. Li rigardis la ekflamiĝon. Neniu kuraĝis lin malhelpi.

Li denove kuris al sia kuŝejo kaj el sub ĝi tiris sian soldatan keston. Malŝlosinte ĝin li elprenis volumon da leteroj, kiujn la virino sendis el la malproksimo. Furiozante li ĵetis ilin en la fajron kaj kun freneza mieno li rigardis la cindriĝon de forgesitaj fidelĵuroj kaj falsaj sentoj.

La paperfasko ekflamis laste. Dogler, per unu salto, atingis la pordon kaj antaŭ ol oni povis malhelpi lin, li kuris eksteren en la frostan nokton.

Doŝky sekvis lin.

La luno pale lumis. La neĝo siblis pro la frosto.



P. Szinyei-Merse: Vojrando 1904
Kun la permeso de „Könyves Kálmán"

Dogler kuregis kaj dume ĵetis, unu post la alia, siajn bluzon, ĉemizon sur la vojon. Doŝky sekvis sed ne povis atingi lin. Subite Dogler, perdinte la forton, falis sur la glacian teron kaj arde ploregis.

— Malĉastulino! . . . Aĉa malĉastulino!

Doŝky atingis lin. Genuis al li kaj kovris lin per la forĵetitaj vestaĵoj, kiujn li kolektis dum la kurado.

— Dogler! Amiko mia! . . . Regu vin!

— Mi volas morti! Lasu min morti!

— Senpripensa parolo! . . . Dogler! Havu prudenton!

Dogler subite fariĝis rigida. La trajtoj spasme baraktis, liaj manoj konvulsie skrapis la teron kaj ĉe la buŝo aperis ŝaŭmo.

— Dogler! Dogler! Mia bona amiko! . . . Kion mi faru? Kion mi faru?

Doŝky inerte rigardis ĉirkaŭen. En la malproksimo vidiĝis homa figuro. Li plenpulme ekkriis.

— He! Hola! Venu ĉi tien! Helpu!

La figuro rapidigis siajn paŝojn.

— Rapidu, je la amo de Dio! — kriis Petro.

La homa figuro komencis kuri. En la nokta silento aŭdiĝis raŭka stertorado de Dogler kaj knaraj bruoj de proksimiĝantaj paŝoj.

— He! Kiu? — demandis virina voĉo.

— Ĉu vi estas, Fiza?

— Jes!

— Rapidu en la barakon kaj diru al Keĉemen, ke li venu tuj!

— Ĉu akcidento okazis?

— Jes! Jes! Nur rapidu!

— Ĉu sinjoro Bardy?

— Ne! Dogler!

Fiza alvenis kaj vidante la duonnudan malfeliĉulon, ŝi rapide demetis sian pelton kaj ĵetis ĝin al Doŝky.

— Prenu por li! — ŝi kriis kaj kuris plu.

El la direkto de la artista barako jam venis kelkaj. Fiza nur vorton ĵetis al ili.

— Rapidu! Tie! Ĉe la vojkurbiĝo!

Ŝi kuris al la kuracista barako.

Keĉemen kun la samĉambranoj atingis la vojkurbiĝon kaj levis de la tero la malfeliĉan samsortanon. Ili kurante ekiris kun li al la barako. Dogler malfacile kaj stertore spiris.

Apenaŭ ili hejmenrevenis kaj metis Dogler en la liton, la pordo malfermiĝis kaj Fiza kun unu el la kuracistoj venis en la ĉambron.

La militkaptita kuracisto ekrigardis la malsanulon.

— Epilepsio! — li diris mallonge; kaj lerte li komencis sian arton.

Dogler baldaŭ rekonsciiĝis, sed nur por minutoj kaj poste nevenkebla dormo fermis liajn palpebrojn. Egale, ritme li spiradis. Fiza sidiĝis sur la randon de lia litbenko kaj kompate rigardis lin.

— Nur plena ripozo! Nenia ekscitiĝo! — ordonis la kuracisto. — Morgaŭ denove mi venos.

La kuracisto foriris. En la ĉambro estis peza silento. La samsortanoj mute sidis sur la litbenkoj. Fiza delikate, apenaŭ tuŝante, karesis la vunditan vizaĝon de Dogler, kiu kelkfoje ekveis en sia dormo.

Petro sidiĝis al la tablo. Lia rigardo longe esploradis la tie forgesitan fotografaĵon. La pensoj pelis unu la alian en lia laca kapo. Li rememoris pri okazintaĵo ĉiam tentanta. Kompate li turnis sin al la malsanulo kaj leviĝante de la tablo li ekiris al lia litbenko.

Por momento li haltis kaj poste, tiel delikate, kiel permesis al li la reganta sento, li klinis sin al la frunto de la knabino kaj kisis ĝin.

La knabino surprizite rigardis lin. Petro konfuziĝis.

— Bona knabino vi estas, Fiza! Tre bona. Vi havas koron.

La knabino nenion respondis.

— Ĉu vi koleras, ke mi kisis vian frunton?

— Mi dankas tion, sinjoro Doŝky. . . Mi tre dankas tion.

Ŝi ekploretis silente. Petro revenis al la tablo kaj, preninte en sian manon la fotografaĵon, duonvoĉe murmuris kvazaŭ al si.

— Estas virinoj, pri kiuj oni opinias en la unuaj minutoj, ke ili estas estas idealaj lampiroj kaj poste oni konvinkiĝas, ke ili estas nur kampaj cimoj.

Li metis la fotografaĵon en sian poŝon kaj averte diris al la samĉambranoj.

— Eĉ unu vorton pri tio ne rakontu al Johano!

# NEATENDITA DISIGO

D. HRISTODOROV

En la kamparo, ekster la urbo, antaŭ la nova kazerno atendis multaj bovoveturiloj — ĉiuj peze plenŝarĝitaj, kun jungitaj bovoj — pretaj por longa kaj nekonata vojaĝo.

Alproksimiĝis lacema antaŭvespero kaj facilaj nebulaĵoj dormeme vualis nian patrinon la Teron, kvazaŭ milionoj da larmoplenaj okuloj rigardus en la silentan malproksimon.

Kaj sur la pinto de la Vitoŝa-monto kuŝis nubego, mallume brulanta en la purpuro de l' sunsubiro, kvazaŭ sortdivenisto konanta la misteron de la jarcentoj starus tie kaj malgaje enpensiĝinte li determinus la sorton de la patrolando, kiu sensente ĵetis sin en sangan batalon sen Dia beno...

Jen, baldaŭ la peza karavano etendiĝos sur la longan kaj nekonatan vojon kaj mallumo kovros la kulturitajn kamparojn.

La veturiloj unutone ekknaris en la senbrua nokto, kaj la veturigisto destinita al neelportebla turmento, kun dolorplena koro rememoros ke iam li vivis en la domo naskiĝa.

Kaj la animo ankoraŭ pliforte eksuferos, kiam malfortiĝinte ĝi renkontos la serenan mateniĝon kaj kiam la klara suno ekbrilos super la dezertaj paŝtejoj, grenkampoj kaj herbejoj...

La karavano ankoraŭ ne estis ekveturanta, kaj la brutoj atendis, kun okuloj fikse rigardantaj antaŭen, kvazaŭ en la malproksimo ili observus ion neforigeblan.

Flanke, sur la vojo, aperis avo[1] Stamen kun ŝultrumita pansako. Li iris al la vilaĝo. Ĵus proksimiĝinte al la veturiloj li flankumis al ili, sentante, ke io nevenkebla ekflamiĝis en lia brusto.

Li ja sufiĉe malfruiĝis, kaj la hodiaŭa tago ankaŭ pasis neeluzite kaj alportis nenian konsolon!

Avo Stamen eksentis, kia mistera forto devigis lin flankumi kaj iri inter la pretajn por forveturo veturilojn. Io kvazaŭ diris al li, ke ankaŭ lia bovoparo estas tie kaj li nepre ĝin vidos.[2]

Pli ol du semajnoj jam pasis de kiam li disiĝis de sia bovoparo kaj tamen li ankoraŭ ĉiam sopiris al ĝi, kvazaŭ oni, forpreninte liajn bovojn, estus el li forprenintaj ankaŭ la eblon, vivi en tiu zorgoplena kaj peniga tempo.

Ne vagante longe, la maljunulo haltis antaŭ unu veturilo kaj rekonis siajn bovojn. Eble ankaŭ ili rekonis lin, ĉar ili levis la kapojn. Iliaj okuloj tuj ekbrilis, ili kvazaŭ ekpensis, ke jam venis la tempo, reveni vilaĝen.

La stalo certe ankoraŭ ne forgesis ilin. Ĝi sopiras same kiel ili kaj ĉiutage ilin ĝi atendas. Tie avo Stamen ĉiam malavare donis al ili fojnon kaj krude muelitan grenfuraĝon. Kaj nun super la stalo la maljuna ulmo malgaje etendas la nigrajn branĉojn kaj tremetas en soleco. Ĉiuvespere ĝi malĝoje kaj tiel malbonsigne bruetas. Kaj dumnokte Ĉerj[3] ankaŭ komencis bojegi.

Malbona signo estas tio. Kio okazos — neniu scias! Terura milito ja komenciĝis! Ve al tiu, al kiu suferon destinis la sorto...

La koro de la maljunulo ĝoje ekbatis, kvazaŭ li vidus amatan homon. Li ekstaris antaŭ la jugo de l' veturilo, etendis siajn tendenajn brakojn kaj kareseme ĉirkaŭprenis la kapojn de ambaŭ brutoj.

Ili kviete fermetis la okulojn.

Avo Stamen kun mallaŭta kaj maltrankvila voĉo ekrakontis al ili pri la enuo, kiun li suferis malproksime de ili, kaj iliaj suferantaj animoj kvazaŭ konfuziĝis en malgajaj kaj maltrankviligaj antaŭsentoj.

Li plendis al ili, ke jam dezerta estas lia domo kaj malplena la stalo, ke ĉiumatene, antaŭ sunleviĝo, li nepre iras en la stalon: ke al li ĉiam ŝajnas, ke li ilin vidas tie, sed ili forestas, kaj la dezerteco estas turmenta, neelportebla kaj ĝi kvazaŭ ŝiras elprofunde la koron.

Dio scias, ĉu li ĝisvivos la tagon, kiam en lia domo ekregos gajeco.

La brutoj aŭskultis kaj komprenis lian parolon, sed doloro pli granda kaj pli neesprimebla malklariĝis iliajn okulojn...

Ĉu tie ĉi ne estas iu, kiu ilin kompatus?

— He, maljunulo, vi karesas ilin kiel malgrandajn infanojn — mokeme kriis grandkreska kaj fortika soldato, kiu alproksimiĝis la bovojn kaj komencis ordigi iliajn kondukilojn...

— Ĉu ili estas viaj? — demandis la soldato.

Avo Stamen embarasiĝis.

— Jes, miaj ili estas, — li respondis. — Okaze min Dio alkondukis, por ilin vidi ankoraŭ unufoje...

— Do adiaŭu ilin, ĉar jen ni jam estas ekveturantaj — al la alia mondo, oni povus diri...

La maljunulo estis iom ofendita.

— He, knabo, vi ne scias, kion mi nun sentas! — ĝeme diris avo Stamen.



P. Szinyei-Merse: Verando 1902
Kun la permeso de „Könyves Kálmán"

[1] En la bulgaraj vilaĝoj la maljunuloj estas nomataj: avo + antaŭnomo, intime, anstataŭ sinjoro + familia nomo.

[2] Dum la milito la tirbrutoj estis rekviziciataj.

[3] La hundo.

— Kiu nin demandas pri niaj sentoj kaj deziroj! — respondis la soldato, — nia sufero estas pli-malpli tolerebla, sed tiuj, kiuj staras kontraŭ la pafado...

— Dio ilin gardu! — ĝem-sopirante diris la maljunulo. Mi ankaŭ sendis filon kaj nepon al la milito, kaj neniu scias,kie ilin trafas la noktiĝo, kie la tagiĝo. Tri semajnoj jam pasis, de kiam ili forlasis la hejmon, kaj ankoraŭ nenian leteron de ili mi havas. Mi preskaŭ perdis la saĝon, mi nur malsupreniras en la urbon por ion ekscii, sed ĉie oni levas la ŝultrojn kaj silentas, kaj malbonaj pensoj migras tra mia cerbo...

— Do, ankaŭ mi kaj preskaŭ ĉiuj estas en la sama stato! — diris la soldato, ektiris la kondukilojn de la bovoparo kaj malrapide ekpaŝis.

La maljunulo lin eksekvis.

La veturiloj vice postiris unu la alian kaj la karavano etendis sin sur la vasta, griziĝinta kamparo.

— Io min trudas sekvi vin kaj neniam reveni, — ekplendis avo Stamen. Mi sopiras al la bovoj... Mi vartis ilin de malgrandaj ĝis grandaj kaj mi kutimiĝis esti kun ili... Kvazaŭ miajn okulojn mi gardis ilin, sed nun al vi ili estas konfiditaj... Prizorgu ilin!...

— Ne zorgu pri ili, avo, ĉiuokaze ilia situacio estas pli bona ol la nia...

— Ankaŭ ili havas animon — interrompis lin la maljunulo — ankaŭ ili suferas, kiel ni, sed parolkapablon ili ne havas kaj ili ne povas plendi...

— Nun ankaŭ ni similas al ili: kiam la situacio tedas nin, ni nur blekas... — ekkriis la soldato ĝenite kaj forturnis la kapon.

Avo Stamen tuj haltis kaj senespere ĝemis.

Neniu komprenas lian suferon.

---

Jam venis vesperiĝo, kaj la kamparo fordoniĝis al mortrigida silento. Super la nemalproksima kaj malregula silueto de l'Ljulin-monto aperis la stelo vespera.

Eble ĝi ridetis por iu, kiu havas gepatran hejmon kaj sen turmentaj zorgoj renkontas la noktiĝon.

Kaj la longa karavano kvazaŭ stranga fantomo treniĝis kaj malrapide, iom post iom malaperis sur la mistere malheliĝinta vojo.

Avo Stamen staris en la sama loko kvazaŭ alnajlita, kvazaŭ subite li estus perdinta la konscion kaj jam ne povus konjekti, ke li devas reveni.

El liaj okuloj faladis larmogutoj... grandaj, silentaj larmogutoj...

El la bulgara: *Iv. H. Krestanoff*

---

# TRAGEDIO

**SIGISMONDO MÓRICZ**

Pri la morgaŭa edziniĝa festeno de la knabino Sarudy parolis ĉiu. Post la tagmanĝo la rikoltistoj sterniĝis en la subo de l' grenkrucoj, aŭ sub la tendetoj improvizitaj el forkegoj kaj rastiloj, kie surpendigita jupo donis iom da ombro por la vizaĝo de la kuŝantoj. Sufiĉas tio, por ke oni ne estu trafita de sunmalsano.

Sur la granda flava kampo gaje sin movis tien ĉi kaj tien tiuj ĉi formike diligentaj homoj kaj dum la superhome granda laboro, kiu ŝajnis kvazaŭ ne havi finon kaj limon, ili trovis ĝojon en la svingo de brakoj, en la movo de buŝo kaj la fraŭloj kaj knabinoj tiel ridegante pinĉadis unu la alian per vorto kaj per mano, kvazaŭ tio estus la ĉefe ĉefa tasko de la vivo.



P. Szinyei-Merse: Alaudo 1882
Kun la permeso de „Könyves Kálmán"

Johano Kis estis manĝinta la pommanĝaĵon kiun lia somermakula, gapmiena filo, kiu lin timige similis, elportis por li. Poste li ĉirkaŭrigardis, sed li estis malvigla iri ĝis grenkruco kaj tie, samloke, li sterniĝis, sur la stoplejo. La ĉapelon li metis sur la vizaĝon kaj tuj ekdormis. Ankoraŭ tiom li aŭdis ke Paŭlo Sarudy buĉigis ankaŭ bovidon por la geedziĝa festeno.

Kaj li ekdormis.

Neniu zorgis pri li, eĉ ne lia propra filo. Ĉi tiu prenis la argilpoton kaj enrigardis: ĉu la patro ne lasis en ĝi iom ankaŭ por li? Certe li ne lasis. Tiel malplena estis la vazo, kvazaŭ ĝin la hundo Krispa estus jam ellavinta. Li renversis la glazuran poton kaj iris post la hundo por serĉi teran avelon.

Kiam Johano Kis vekiĝis, lia unua faro estis ekleki la buŝon. En sia sonĝo li estis en geedziĝa festo kaj bonege li satigis sin plena. Malbonhumore li ekpensis ke li forgesis ĉion, ankaŭ tion, kie li estis, ankaŭ tion, kion li manĝis. Se li almenaŭ ne estus vekiĝinta.

Li jam alkutimiĝis ke dum sia tuta vivo li devas rezigni pri ĉio, do li ne longe bedaŭradis. Li turnis sin aliflanken kaj ree volis dormi. Li ne sukcesis. Lia vizaĝo fariĝis ruĝa sub la ĉapelo, kvazaŭ kuirita kankro. Li depuŝis la nigran de malpuro pajloĉapelon kaj agrablis al li ke la kampa venteto freŝe tuŝis lian haŭton.

— La diablo dancigu tiun maljunan Sarudy — li pensis, — sufiĉe mi laboris por li dum mia vivo, li povus min inviti al la edziniĝo de sia filino. Ke fine mi satiĝus fojon.

Li levis sian dikfingron:

— Estos viandsupo. Bona, flava, grasa kokinsupo. Tio estos bona. Da ĝi mi manĝos unu teleron.

Kaj li jam plenbuŝis, suĉadis la densajn, etajn, flavkolorajn vermiĉelojn, kiujn plenmanope li glutigis malsupren tra sia gorĝo.

— Labori, homoj! — iu kriis.

Johano Kis ne moviĝis. Li rememoris ke foje, en sia infanaĝo, li estis en ia edziniĝa festeno. Eĉ parenca estis al li tiu familio, tamen nenion li ricevis el la tuta regalo krom kokpiedoj.

Senpova kolero, sovaĝa furiozo kaptis lin. Lia

mano pugniĝis kaj li sentis ke nun li povus frapi tiel, ja tiel, ke ĉio rompiĝus-frakasiĝus.

Sed lia dikfingro rigide staris, pro tio ĉi li iom post iom rememoris kion li ĵus pensis.

— Poste, farĉita brasiko... Sesdek mi manĝus el ili... sed kvindek certe kiel unu.

— Uf, labori! — oni kriadis tie.

Ankaŭ li surpiediĝis pene. Li sentis sin malsata. Li alrigardis la nigraflankan argilvazon. Malplena... Kaj, sen tio, kio ja estus en ĝi? Nur ia sukaĉo.

Li piedbatis la vazon; malŝate kaj kolere. Ĝia flanko rompiĝis. Cetere ĝi jam estis dratumita kaj unu drato kroĉiĝis al lia ŝuo:

— Pesto vin trafu! — blasfemis Johano Kis kaj deskuis de sia piedo la malhelpaĵon. — Mi jam, dum mi nur vivas, ĉiam devos snufi tiun ĉi malriĉecon. Tiu maljuna fripono ne invitos min.

La tutan tagon li estis malbonhumora. Neniu rimarkis tion. Johano Kis estis tia nevidebla homo, kiun neniu ekvidas. Tiel li travivis sian tutan vivon, neniam li estis eĉ unu minuton interesa homo. Nek forta, nek malforta, nek malgranda, nek granda, nek lama, nek fieraspekta; kion li ja estus surhavinta okulfrapantan? Li estis kia la homo: du okulojn li havis kaj unu nazon. Ankaŭ lipharojn li havis. Kaj neniam venis io en lian kapon. Se estis mateno, li leviĝis, vespere li kuŝiĝis; kiam venis la tempo, li edziĝis. Tiam li satiĝis lastfoje, li malsaniĝis pro tio. Soldato li ne estis, ekster la vilaĝon eĉ dekfoje li ne iris, ankaŭ tiam nur al foiro. Ridi, tion li nur unufoje faris bonguste, tiam, kiam lia patro lin volis mortbati, ĉar li manĝis la tutan pladon da nudloj kaj kiam li frapis al li, pro sia propra frapo li ekŝanceliĝis, falis kaj frapis la kapon al la muro. Li ankaŭ mortis pro tio.

Ankoraŭ ĉi tio sola interesis lin: la manĝo. Pro tio li kutimis tradraŝi sian edzinon kaj se li havis iam penson, do pri tio, kion estus bone manĝi. Sed ankaŭ tion li ne sciis multe imagi. Vane: la sperto ne helpis lin.

Vespere, kiam ili estis hejmenirintaj kaj dirintaj al la mastro kion ili faris, la maljuna Sarudy diris:

— Viroj, virinoj, morgaŭ vespere ĉiu povos veni al la edziniĝo de mia filino. Tiom vi povos manĝi, kiom vi volos.

Johano Kis preskaŭ svenis. Li efektive ektimis. Tion li ektimis, ke li ne povos plenumi la taskon. La ceteraj ĝojkriis, vivuis, sed li silentis. Tie li staris, malantaŭe, estis mallumiĝanta vespero, neniu zorgis pri li. Poste inter la aliaj ankaŭ li ekiris hejmen kun pezaj paŝoj.

Hejme li manĝis la vespermanĝon: bran-supon. Silente, senvorte. Piede li forpuŝis la katon, kiu grimpis sur lian kruron kaj miaŭis. Nenion li pensis. Sed tre strange li sentis sin, kvazaŭ granda, granda tasko atendus lin, la plej granda en lia vivo. Ĝi ne estis al li tute klara, sed time li pensis pri la morgaŭa festeno.

La tutan nokton li ne povis dormi. Multfoje li vekiĝis kaj maldorme sin turnadis, sed se li komencis pripensi, kio okazos morgaŭ, kaptis lin tre granda maltrankvilo. Li etendis la dikfingron:

— Unue estos kokinsupo... Da ĝi mi manĝos unu kuvon.

Li ekridetis. Li ekpensis ke, se oni verŝus en grandan kuvon la multan terpomsupon, kuminsupon, ĉeriz-, bran-, marmeladsupon, kaj tiujn ĉiuspecajn farun-sukojn, kiujn li dum sia vivo jam manĝis, — ojojoj, tiel granda kuvo ja ne estas en la mondo, eĉ en la kelo de la ĉefepiskopo de Eger ne estas tia barelo. Kaj se poste oni kunverŝus tiujn bonajn manĝaĵojn, kiujn li manĝis iam, — eble eĉ tiu aĉa kruĉo ne pleniĝus, kiun hodiaŭ li piedrompis sur la kampo.

Subite ŝajnis al li kvazaŭ li surhavus la ŝuaĉon kaj sentus ke enkroĉiĝas la vazo per la drato. Li forte ekfrapis per la piedo. Se li estus kuŝinta sur lito, ĝi senprokraste estus rompiĝinta, sed tiu ĉi pajla kuŝbenko ne tre atentas tiajn ekscesojn. Kvankam Johano Kis tre forte piedpuŝis. La malriĉecon li piedpuŝis for de si.

La postan tagon li vekiĝis grumbleme. Kiam la malbonan dormon li elfrotis el la okuloj, li klare sentis ke lia brusto estas tre peza. Kvazaŭ ferringo premus ĝin.

Li kuntiris la brovojn.

— Diablo dancigu tiun maljunan Sarudy, morgaŭ mi formanĝos lian bienon. Sufiĉe mi jam pioĉis por li.

Li ne kuraĝis matenmanĝi. Tagmeze li eĉ ne gustumis la tagmanĝon, li timis ke vespere li ne estos malsata.

Alifoje, se li kverelis kun la edzino, multfoje li faris ke dum tuta tago li ne manĝis eĉ unu maĉon kaj li ne rimarkis. Nun tremis lia tuta interno kaj kapturno kaptis lin pro la malsato.

Li kunpremis la dentojn, la grandajn, fortajn, dikostajn makzelojn kaj per siaj grizaj okuloj rigide rigardis antaŭen. Kun la obstina kolero de sovaĝbesto li luktis kun si mem. Sed li ne manĝis, li persistis.



P. Szinyei-Merse: Pikniko. 1873. (Kun la permeso de „Könyves Kálmán")

— Kvindek farĉitajn brasikojn! — li ripetadis kaj kun fera decido li tranĉis la vicon de greno per sia falĉilo. Laŭtakte kvazaŭ rikolt-maŝino.

Ĉesis ĉirkaŭ li la mondo. Li ne vidis la grandan tritiktabulon, nek la homojn laborantajn ĉirkaŭ li, li konis neniun kaj nenion, ne havis estinton, estonton, tuta lia memo firmiĝis je sola granda volo. Tiel li kontraŭiris ĝin kvazaŭ ian taskon kiu superas la homan ekziston. Kaj li sentis ke lia tuta interno, lia stomako transformiĝis kaj kapablas nekredeblan laboron. Kiam kun fajrerantaj okuloj li enrigardis la mondon, li estus kuraĝinta entrepreni ke la garbojn tiel li ŝovu en sin, kiel ĉe la draŝmaŝino la enmetanto ŝovas ilin en la faŭkon.

Fine vesperiĝis. Oni hejmeniris el la laboro, hejme jam de tagmezo daŭris la festeno. Eĉ tempo ne estis por sinpreparo, oni devis tuj sidiĝi ĉe la metita tablo.

Johano Kis venis en angulon; despli bone. Li apogas la dorson al la muro kaj tiam venu la malamiko. Kun tiu ĉi blinda kaj sovaĝa decidiĝo kontraŭrigardis iam iu lia praulo turkan armeon da dumil homoj.

Oni alportis la supon.

Johano nenion trovis multa, nenion trovis malmulta. Li ricevis taŭge profundan argilteleron kiun la kuiristino verŝis plenplena por li. Fingre dika estis sur ĝia supro la flava graso kiu jam eĉ ne disŝiriĝis je ringoj, sed kunfluis.

Johano Kis prenis sian lignokuleron kaj kviete, serioze komencis la laboron. Liaj intestoj tremis kaj li apenaŭ povis regi sian avidecon.

Ĉe la deka kulero lin trafis terura konsterniĝo.

Li sentis ke li satiĝis.

Palo kovris lian vizaĝon. Li eksentis ke kolosan taskon li surprenis. Li eksentis sian homan malgrandecon. Kvazaŭ vento trablovis lian cerbon la penso ke li ne povos plenumi kion li surprenis.

Li kuntiris la brovojn; sur lia malalta frunto ĉifiĝis vertikalaj sulkoj, liaj larĝaj fer-makzeloj krake kunbatiĝis kaj li denove sin ĵetis en la batalon.

Maŝine, kiel la falĉilon li svingas en arko de dekstre al maldekstre, nun la kuleron li levadis laŭtakte al sia buŝo, ĝis la telero malpleniĝis.

Tiam li sentis kapturnon kaj naŭzan trosatecon. La manĝaĵo estis tro grasa por lia kaduka, malforta stomako kutimiĝinta al sengrasaj sukaĉoj.

Kazeaj vermiĉeloj sekvis. Bongustaj, laktokremitaj, rost-larditaj, grasaj. Oni bone plenmetis lian teleron.

Kaj Johano Kis elprenis sian flavan, osttenilan rompitan forkon kaj same tiel trankvile, kiel ĵus antaŭe, ankaŭ ilin li laŭvice enmagazenigis. Li ne sentis la guston de la manĝaĵo. Premon li sentis interne kaj li ekdeziris iri al la libera aero. Aŭ almenaŭ ekblasfemi laŭte, maldolĉe. Kaj kun senfina doloro, envio li rigardis ĉirkaŭen. Ĉiu estis gaja kaj ridis, plenbuŝis. Kaj li jam sciis ke estas fino. Hodiaŭ li jam manĝis tiom, kiom li kutimis en sia tuta vivo dum unu sido. Sed li kungrincigis la dentojn kaj tenis sian teleron por la tria manĝo. Ĉi tio estis lento kun pork-dorsaĵo. Ekstere, inter la servistoj kaj laboristoj oni ne tenis sin al la kutima vicordo, kiun interne la fianĉin-gvidanto fiksis per versaĵo. Tion ili donis, kio estis al ili pri proksime. Tiu manĝis el ĉi tio, tiu ĉi el tio, Johano Kis el ĉio.

Tio daŭris du horojn longe, sen halto, sen ripozo. Tiam venis la farĉita brasiko.

— Kvindek! — diris en si Johano Kis kaj vualo kovris liajn okulojn.

Grandaj viandopecoj estis metitaj inter la farĉaĵojn kiel aldonoj. Kaj kiam Johano Kis volis, post tri grandegaj farĉaĵoj, ŝtopgluti pecon de tia tendena, duonkuirita, nemaĉita viando, — li terurite stariĝis. Liaj okuloj elŝvelis, preskaŭ elsaltis el sub la dikaj brovoj, sur lia kolo la vejnoj ŝvelis ŝnurdikaj.

Kun sia lasta prudento li elkuris el la domo.

Li atingis la morusujon kaj tiam li saviĝis de la danĝero. La peco enpremiĝinta en lian gorĝon, kiu jam preskaŭ sufokis lin, reglitis en la buŝon.

Larmoj eksidis en liaj okuloj kaj la makzelojn tiel fortike li kunpremis ke eĉ kojnon oni ne estus povinta bati inter ilin.

Kaj nun kun la ebrio de l' pasio li diris en si:

— Krevu, hundo.

Denove li glutis la viandon.

Kaj ankaŭ nun li estis nekapabla por tio. Ĝi restis en la gorĝo kaj plu ĝi iris nek supren, nek malsupren.

La du manoj de la homo kaptis la aeron; lia malgrasa, longa korpo turniĝis kaj falis surdorsen.

En terura konvulsio li baraktis senvoĉe sur la tero, ĝis definitive li silentiĝis.

Neniu rimarkis ke li malaperis, kiel ankaŭ tion ke li ĉeestis aŭ tion ke li vivis.

El la hungara: *Karlo Bodó*



# AMKANTO

*C. J. Hunt*

Foje mi vagis tra ĝarden',
La plej gracia en la mond'
Kaj superŝutis ĝin sukcen'
De l' suno, kiel glata ond'
De la senlaca Ocean':
Nu, mi min banis en la bril'
Kaj, sidiĝinte sub platan'
Min dronis en trankvil'.

La birdoj kantis super mi;
La floremajlo sur la ter'
Tapiŝon faris; melodi'
Forflugis supren el river'
Vezike, sed en mia kor'
Sukcenon anstataŭis kot',
Kaj la sunbrilon jam dolor'
Forŝtelis per dorlot',

Ho, vi kruela, ho virin',
Kies venenon ĉiu trovas
Unue dolĉa kiel vin',
Naŭza nur poste! Kiel povas
La amdezir' de malsaĝul'
Kun tia ravo sin plenumi,
Se fine devas arda brul'
En nigran cindron fumi?

Ho, amatino, ho Luci',
Foje ĉagrenis disi min
De via mola brust' kaj mi
Tro rava kredis kisi vin:
Nun vi fieras en riĉec',
Kaj ĉe vi dormas maljunul' . . .
Ĉu en luksaĵoj kaj mondec'
Troviĝas ida lul'?

Vi estis mia, kaj ni du
Iam esperis pri domet'
Humila, kiun tuŝos bru'
De l' urb' neniam, sed kviet'
Kaj niaj songoj ĉirkaŭ ĝi
Teksos lulombron por infan'
Kaj tie kune vivus ni
Ĝis ĉio iĝos van' . . .

Tiel mi pensis en mizer',
Kaj ploris sub la sunsukcen'
Ĝis nebuliĝis ĝin Vesper'
Sekretirante tra l' ĝarden':
Tiam mi levis min kaj iris
Hejmen kun mia kordolor',
Kaj super mi la steloj miris
En sia tur' el or' . . .

# ARTO KAJ ARTISTOJ

PAULO VARSÁNYI: PAULO SZINYEI DE MERSE



P. Szinyei-Merse Rivereto

En la historio de *l'plenaerismo* lia loko estas apud la pioniroj. Se lia nomo ne sonas tiel, kiel tiu de *Manet,* la unua reprezentanto de ĉi tiu arta principo, ties kaŭzo estas en la malfavoraj cirkonstancoj kaj ankaŭ — en li mem, kiu ne havis sufiĉan batalemon, por persisti kontraŭ mokoj kaj nekompreno, kaj forĵetinte le penikon lasis ke la tempo preterkuru lin, kaj ke tiuj francaj pentristoj kies bildojn li eĉ ne vidis, solvu, sendepende de li, la problemojn de li jam solvitajn.

Li naskiĝis en norda vilaĝo de *Hungarlando* en 1845, el malnova, nobela, bienposedanta familio. Liaj inklinoj jam frue montriĝis. En 1864 lia patro portis lin al la akademio de *München* en la skolon de Piloty. Ĉi tiu medio tre impresis lin, sed sen ia decida efiko. Piloty postulis de li *grandajn historiajn komponaĵojn,* sed ili estis malproksime de lia ambicio. Post vanaj eksperimentoj estis permesata al li la pentrado en la libera naturo. Sed la naturo ne tiel montriĝis antaŭ li, kiel postulis tion la akademiaj ordonoj: *„Nenie mi trovis la bonan mezspacon, nek la bonan fonon kaj nenie montriĝis la akademie taŭga bruna antaŭspaco.* Nenie kaj nenie mi trovis en la naturo tiajn aĵojn, kiajn oni pentris sur la bildojn en la skolo! En la naturo ĉio, ja ĉio estis tute alia. Kvankam multe pli simpla, sed multe, multe pli bela!" Nun li komencis pentri bildon — la *Faŭno* (1867) — en kiu, obeante la akademiajn pretendojn, li klopodis valorigi ankaŭ siajn individuajn ekvidojn. Li ekspoziciis ĝin en *Budapest* kaj *München,* sed la kritiko ignoris ĝin. Nun venis tempoj plenaj de problemoj: „Senĉese krozis en mia kapo: kiel do oni devus vidi ĉi tiun belan naturon kaj pripentri en bildo? Mi rigardis la verdan herbaron, mi rigardis la bluan ĉielon, la naĝantajn blankajn nubojn, la multkoloran floron, la malhelajn arbojn... Mi vidis la pejzaĝon en sunbrilo, mi vidis ĝin brili en luksa kolorpompo; mi vidis la pejzaĝon sub nubvualoj, mi vidis figurojn sen ombro, mi vidis herbaron, arbon kaj arbetaĵon kunfandiĝi en milda kolorharmonio... Sed tamen, ĉu estas eble tiel pripentri ilin? Ĉu estas permesate?" Lin kaptis duboj; sed nun li rememoris pri io: „Miaj pentristaj kunuloj, kiuj en la pasinta jaro ĉeestis la parizan mondekspozicion (1867), rakontis miraklojn pri la francaj pentristoj. Ke ili ne komponas siajn bildojn! Tiuj bildoj estas tute tiaj, kia la naturo! Ĉio estas pentrita per simplaj, helaj koloroj! La verdan herbaron ili pentras verda per helverda koloro, la bluan ĉielon vere blua kaj la ruĝa tuko estas pentrita ruĝa per ruĝa koloro! Top! Ili ja estas miaj kunuloj! Ili faras tion, kion mi volus! — Tiel mi iĝis disĉiplo de l'francaj pentristoj, kvankam eĉ unu francan pentraĵon mi ne vidis."

Li reiris al München kun freŝa animo kaj faris sian *unuan* plenaeran bildon pentritan *„elventre",* kiel li diris. Ĝi tre plaĉis al Piloty kaj akiris por li ankaŭ bonan materialan rezulton. Nun venis diligenta laborado. En la *Kunstverein* li ekspoziciis malgrandan pejzaĝon, sed la kritiko mallaŭdis ĝin. Sed li ne perdis la kuraĝon.

„Dum la somero de 1869. en la München'a internacia ekspozicio mi vidis francajn bildojn la unuan fojon. *Courbet, Corot, Millet* estigis inter ni, junuloj, kvazaŭ revolucion. Leibl kaj mi mem laŭte indignis kontraŭ la München'a skolo, ni tuj eksiĝis de Piloty kaj ribeligis la junularon. Courbet vojaĝis al ni en München, kaj nia gvardio portis al nova direkto la junularon de München." Lia memfido revenis. Li luis alian atelieron. Tiam li pentris la bildon: *„Geamantoj kuŝantaj sur fojno"* (1870), kiu montras jam progresintan valoriĝon de la plenaera principo. La *prusa-franca* milito devigis lin forlasi la bavarian ĉefurbon. Li iris hejmen, sed tie li ne povis labori, ĉar neniu volis kompreni lin. En la printempo de 1872 li reiris kaj la arta vivo revigliĝanta redonis al li la humoron. Post malgrandaj bildoj li komencis pentri la *„Pikniko"*-n (1873). Tiam li interkonatiĝis kun Böcklin. „La plej bela, plej feliĉa periodo de mia vivo estis ĉi tiu. En amikeco, en ĉiutaga intima rilato mi vivis kun la plej granda pentristo de l' jarcento. Tiam progresis la laboro. Böcklin animis min: pli verdan, ankoraŭ pli verdan!... Nur per brilaj, akraj koloroj estas eble redoni la sunbrilon! ... Viola, ruĝa, flava, blua, bruna, la ludado de l' malpezaj bluaj ombroj sur la blanko!... la brilantaj sunmakuloj! ... Ĉiam pli kaj pli supren sur la kolorskalo!..." Por la figuroj li uzis modelon, sed la pejzaĝon li pentris elmemore, ĉar li povis vidi antaŭ si „ĉiujn herbojn, ĉiujn florojn." Ankaŭ li mem estas sur la bildo, kuŝante surventre, montrante la dorson al la mondo. Li ekspozicis ĝin en la Kunstverein: „La publiko indigniĝis, sed al la pentristoj ĝi plaĉis." Ĉi tiu malsukceso tute rompis lian laboremon. Li retiriĝis al sia vilaĝa soleco, edziĝis kaj provizore rezignis pri la pentro, ĉar li sentis, ke la „Pikniko" estas la ĉefverko de lia vivo: „Por kio do mi pentru? Neniam mi pentros pli bonan ol la Pikniko, pli bonan mi ne povas, kaj ĝin neniu bezonas." Naŭ jarojn li ne pentras. En 1882., en Vieno, instigite de Makart, li denove prenis la penikon kaj pentris la bildon *„Alaŭdo"*. Nun li aranĝis ekspozicion el siaj elektitaj bildoj; la Viena kritiko rigore akceptis lin. La sama malsukceso akceptis lin en Budapest. *Gustavo Kelety,* la publikan opinion tiam direktanta kritikisto, esprimis sian bedaŭron kaj diris, ke Szinyei suferas je *„kolora deliro"*. Nun li porĉiame rezignis pri la arto. En *Jernye,* lia vilaĝa hejmo, li enmagazenigis siajn bildojn kaj ne plu laboris. *„Mi rezignis! Hic ego sum barbarus, quia non intelligor. Jes: mi estas ci tie barbaro, ĉar oni ne komprenas min."* La malbona sorto ĉiel premegis lin, li eksedziĝis kaj ankaŭ materialaj zorgoj vizitis lin. Dum 27 jaroj lia mano ne prenis penikon. En 1894. pentristo, Teodoro Zemplényi vizitis lin en lia soleco kaj instigadis. „La glacio rompiĝis. Serioze mi eklaboris. Sed la laboro ne progresis tiel, kiel iam. La pentro el la memoro, rekte „el la ventro" tute ne sukcesis". Nun li ĉion pentris nur en la libera naturo kaj tie finpretigis. En 1896, dum la miljarfesta ekspozicio, li fine akiris la jam delonge

meritítan sukceson. En 1901 li ricevis la veran kontentigon: en la internacia ekzpozicio en München por la „Pikniko“ li ricevis la unuaklasan ormedalon. „Post dudekok jaroj mi ricevis la kontentigon! La pli grandan parton de mia vivo, tiujn amarplenajn dudekok jarojn, ilin jam neniu redonos al mi. Depost mia 28a jaro ĝis la 56-a!...“

*

Kiel ni vidis, la tempo, kiam Szinyei aperis, ne estis taŭga por la novaj artaj principoj. Ankoraŭ regis la historiaj tradicioj kaj la historia genro ĉion sufokis. La tuta jarcento estis plena de politikaj movadoj, kiuj donis specialan formon ankaŭ al la tiama mintaleco. Piloty pentris grandegajn historiajn bildojn, kiuj donas fidelajn esprimiĝojn de l'tiamaj artaj pretendoj, laŭ la signoj de l' brunvida tradicio.* La cirkonstancoj do ne taŭgis por Szinyei. Manet estis pli feliĉa, ĉar li havis inklinajn mediojn kaj multajn helpantojn, ne kiel li, kiu iĝis „barbaro“ en sia patrujo. Sed la miopa epoko feliĉe forpasis per la helpo de l' nova generacio, kiu portis al venko lian arton. Kaj li iĝis multe ovaciata pioniro de la moderna hungara pejzaĝpentrarto, kiun la junularo ĉirkaŭis kun pia respekto. Li mortis en plena forto de sia kreado, en 1920. Longajn klarigojn liaj bildoj ne bezonas, ili estas klaraj kaj serenaj kiel sunbrila, somera tago, plenaj de freŝa vivĝojo, kiuj ŝajnas resorĉi la perditan, feliĉan mondon de l' maljuna *Pan*.

* Vidu ampleksan konigon en la septembra n-o.

---

# EFEMERE!...

**K. DE KALOCSAY**

I.

Eternon mi balbutas senlimon ho mistero! . . .
Stelnebuloj en mi tordiĝas astroj kuregas atomoj en mi dancas
eternan rondodancon de l' gaja Materio.
La mondon mi spegulas kun brilo ekstaza
kun scio triumfa la mondon mi spegulas . . . aŭdu, homoj!
Nenio sen mi. Miaj okuloj donas koloron al floroj
formon al kristalo zigzagan teruron al fulmo
miaj oreloj donas trilon al birdoj melodion al streĉita kordo
[tondran muĝon al Niagara
de mia lango ricevas aromon fruktosuko amaron galo dolĉon
[lipo kisanta,
mi sentas en la mondon parfumon fetoron, pikon doloran de
[dorno, glatan glitan dolĉe incitan veluron de haŭto virina:
kvin sensoj kvin buŝoj manĝas por mi la mondon: senvivan
[senestan ĥaoson
por ke mia cerbo transformu ĝin en la brile klaran
mondon kiun mi vivas per ĉiuj fibroj, kiun mi spegulas per
[ĉiuj vibroj — ĝis la spegulo rompiĝos.
Post mi — nenio, antaŭ mi — nenio sed en mi — mondoj
[kaj mondoj kaj mondoj
la lumradio honte postrestas mian penson preterkuregantan
ruĝajn oranĝajn violajn sunojn kaj nigrajn globgigantojn:
[blindajn vagulojn de l' Spaco . . .
. . . ho, mia penso, belege freneza sago kiun mi pafas
en la malhelbluon de l' Nokto ke ĝi flugu meteore
kaj kun fajre triumfa ekbrilo anoncu ĉe l'sojlo de l' Senfino:
„jen mi, sendita de hom'!“
Ho festo majesta mistera volupta: konscii senci la mondon;
senlimon balbuti eternon; la mondon plezuri dolori
vastiĝi trans limoj de l' korpo, kaj voli sin verŝi tra l'Spacoj
kaj tiam ho tiam [kaj Tempoj . . .
ekscii ekscii subite
kun frosto en spino konscii rekoni
la murdan taĉmenton de l'Tempo la flavajn
muelajn momentojn
kiuj venas vice seninterrompe nerezisteble ĉiam
kun sia nerimarkeble malrapida certa nepra maĉe muelanta
[detrua potenco.
Ho terura aro mortiga sinmortiga, momentoj; neeble vin kapti
[vi pasas for glitas for neeble vin fiksi
nereporteble vi pasas kaj ĉeestas, pasas kaj ĉeestas;
mezuras vin horloĝo, ĝi rustiĝos kaj haltos
mezuras vin pulsbato de homoj, ili mortos kaj mortos
kaj mortos ankaŭ la lasta homo Tera
kaj super la senfina tolo funebra de glacio
kaj super la nudaj rokoj de la skeleto de l' Tero
kaj super la ĥaoso de sunsistemoj karambolintaj
vi pasas kaj pasas kun egala senĉesa senindulga ritmo.
Ho, mizero!
Senlimon mi balbutus eternon eternon
trezoron unikan mi havus, vivon senton konon konscion amon.
Kaj perdiĝas la trezoro mizere, disfluas forglitas malaperas
en via senkompata sinsekvo, malicaj enviaj momentoj
trompaj donacantoj el kiuj unu rabas kion la alia donis
kaj inter kiuj mi vidas image la momenton nigre vualitan
kiu la vivon
mian vivon, bole pulsantan sukon
eltordos kaj verŝos en koton.
Kun certeco nepra ĝi venas kun certeco senindulga
ĝi proksimiĝas en la vico kaj ĉiu falanta momento
ĝin tiras post si per salteto, neeviteble senĉese senĉese.
Ho, se mi povus kapti iun, tiun ĉi, aŭ tiun ĉi . . . neeble! . . .
ili pasas kaj pasas . . . jen unu . . . jen unu . . . jen unu . . .
eterne eterne eterne
efemere efemere efemere
kaj kvazaŭ mia sango elgutas laŭ takto ilia
kaj mi senpove atendas la falon de ĝia lasta guteto.

II.

Momento . . . momento . . . momento . . .
sangguto . . . sangguto . . . sangguto . . .
malfeliĉa malŝparulo mi
disipulo sub trudo
ĵetas mi ŝutas mi perdas mi for
mian havon ununuran dentgrince gardatan trezoron
la Vivon kies oro
ŝanĝiĝas neeviteble
je moneroj senvaloraj: momentoj
forfluantaj el la manoj mizere . . .
ĉu ne eble helpi do
ĉu ne eble spiti do
kia freneza sopiro
travibras mian spinon kaj kovras
la frunton per la frosta ŝvit'
de malespera fortostreĉ'
ho
se mi povus ekstari fortike kontraŭ la monotona muelrad' de
kapti momenton fine firme [l'Paso
trudi ĝin havi ĝin scii ĝin mia
disstreĉi ĝian daŭron je eonoj kaj en beata frenezo
plenŝtopi ĝin per sentoj pli potencaj
ol sunfrakasaj steluraganoj de l' Kosmo
ol materidetruaj eksplodoj de l' atomoj
sentempe sendaŭre senpase
deskuinte
la ĉenojn de l' tirana Temp'
por sola sola eterndaŭra momento
etendi min jubile tra la surdaj Universaj senfino
bori min ĉiopove en la plej kernan kernon
de l' obstine malluma Materio,
kaj danĉi ĉirkaŭ kerno atoma
dolori la sopiron de gravitantaj korpoj
amon malamon de jonoj
vibrigi eteron magnete lume elektre
dormi vivon en semoj
disvolvi en maja verdo konscii en cerboj
planti triumfe de globo al globo
kaj kiel ekstaza harmonio de scioj kaj sentoj kaj voloj

ekŝvebi kiel ciklono de sentoj
ekŝvebi kiel animo konscia, spirito plenumiĝinta
senco kompleta
de neesploreblaj leĝoj universaj . . .
egale se poste
sub pezo kolosa
de neesprimeblaj revelacioj
en tiu ĉi eterna momento sentempa sendaŭra senpasa
tenanta eonojn, senfinojn, energiuraganojn kaj animmiriadojn
sennomajn senlimojn de spacoj kaj vivoj kaj sentoj
mi falos per fulma frapo

de fortoj tro fortaj por homo
de konoj tro brilaj por homo
mi falos senspire senvive . . .

kaj poste do dancu
atomoj stultan dancon de l'stulta Materio kuregu
vojon sensencan stultaj sunoj blindaj globgigantoj
de l'Nenio tra l'Nenio en la Nenion . . .
jam spegulo ilia rompiĝis en pecojn fulgajn
jam bildo ilia perdiĝis por eterne
jam senco ilia mortis fandiĝis en polvon . . .

---

# FRAŬLINO ROZENHARC

MOISEO NADIR

Oni prezentis nin unu al la alia:

— Fraŭlino Rozenharc.

— Sinjoro Pidvoline!

Ŝi diris: — Ŝajnas, ke iam mi vin jam renkontis ie.

Mi rigardis flanken kaj diris oscedante:

— Povas esti,

Ŝi diris: — Bonvolu, nur *sen manoj.* Mi malamas tion.

Mi diris:

— Kiu provokas vin? Kiu tuŝas vin? mi volas nur palpi mian kravaton. Ne pli.

— Kravato? ha? nenion plian vi volis? nu, jes. Mi tre bone konas vin, virojn, kaj scias, ke bone estas eviti vin.

— Eviti vin — mi jesis kaj ree oscedis.

— Kaj oni ne devas esti afabla al vi, ĉar male vi tuj pensas Dio scias kion.

— Vi jam pensas, ke Dio scias kio! — postĝemis mi dormeme.

— Bonvolu teni vin iom pli malproksime! — diris ŝi, vidante kiel unu el miaj piedoj prepariĝis por iri — kaj ne estu tiel . . .

Pli multe mi ne aŭdis, ĉar mi ankoraŭ foje oscedis kaj foriris, al aliaj junaj virinoj.

Post unu tago mi ricevis bonodoran leteron, kun la jena enhavo:

Amata Sinjoro Pidvoline!

Mi devas al Vi diri, ke ne estas bele de Via flanko, kiel Vi kondutis hieraŭ vespere. Ĉiufoje kiam Via rigardo renkontiĝis kun la mia, mi sentis kiel ĝi ekmordas mian junan korpon, kiel ĝi forglutas min, kun sia voluptemo. — Fi! mi ne konjektis, ke dum tia mallonga tempo, de kiam ni nin konas, okazos inter ni tia afero. Mi konstante pensis, ke Vi amas mian animon kaj ne mian korpon. Kun saluto, Fraŭlino Rozenharc.

— Jen nova provoko al mi! — mi diris al mi, traleginte ĉi tiun leteron — nun vi havas karnavalon en Majo. Ankoraŭ ŝi mankis al miaj zorgoj — ŝi, la dia ino.

Tamen al ŝi nenion mi respondis, ĉar mi ne volis komenci korespondadon kun ŝi. Nia renkontiĝo ja pendis jam super mi kiel ombro de malfeliĉo.

Pasas kelkaj tagoj, kaj mi ricevas *ankoraŭ* unu leteron, kun la jena enhavo:

„Honorinda Sinjoro Pidvoline!

Antaŭ kelkaj tagoj, mi skribis al Vi leteron, en kiu mi atentigis Vin, ke ĉiuj rilatoj inter ni estas kvazaŭ disŝiritaj. Mi ne deziras ke Vi venu al mi, en la apartigitan ĉambron, numero 43, strato Ĝelna, dua etaĝo, maldekstre, loĝejo dekunu, inter la sepa kaj deka ĉiuvespere, krom vendredo. Mi volas ankaŭ diri, ke Via konduto rilate al mi ne estas tre bela. Homo kiel Vi, povas permesi al si kondukon iomete pli delikatan kaj kvietigi sian voluptemon!

Mi scias ke Via amo al mi estas nur korpa kaj ne intelekta kaj tio abomenigas min.

Kun saluto Rozenharc."

Traleginte tiun ĉi leteron, mi forĵetis ĝin kun granda kolero, elkraĉis kelkfoje, esprimis mian esperon, ke ŝin baldaŭ surveturos aŭtomobilo, aŭ ŝi mortos kun natura morto — al la diablo!

Denove pasis kelkaj tagoj, mi estis okupita per mia laboro kaj jam tute forgesis pri mia rozkora fraŭlino, kiam unufoje . . .

Estis ĉirkaŭ la dekunua nokte, mi sidis en mia ĉambreto, vestite en miaj dormvestoj, kaj mi fumis mian pipon, kiam subite, *tre* subite, pli subitege ol *tio*, malfermiĝis la pordo kaj envenis mia fraŭlino Rozenharc.

Ŝi al mi: Bonan vesperon:

Mi al ŝi: Bonan jaron.

— Kion mi povas fari por vi?

Tiam ŝi al mi kolerete: Vi por mi nenion povas fari. Kontraŭe, ju malpli vi faros por mi, despli sane estos por ni ambaŭ.

Mi demandas ŝin: Kion signifas ĉi tio?

Ŝi respondas al mi: Vi permesos ke mi sidiĝu sur via lito. Ĉi tio signifas tre simple ke mi volas havi kun vi neniajn rilatojn, ĉar vin mi ne amas. Mia koro ne tiras min al vi. Mi scias — diras ŝi — ke de mia flanko estas kruele tiel paroli. Sed mi ne povas helpi. Mi ne volas, ke iu havu pri mi vanajn esperojn. Mi nepre devas al vi diri — ŝi ĉirkaŭprenis min per ambaŭ manoj kaj komencis plori kiel dum konfeso — mi nepre devas diri al vi, ke de la unua tago en kiu mi vin ekvidis, vi ne plaĉis al mi. Mi venis al vi diri, ke en miaj sentoj al vi estas io tia — diris ŝi kaj premis min forte al si — tia, tia, kio forpuŝas. Kio ne estas simpatia. Kaj pro tio mi estas kontraŭ vi indiferenta, malvarma kaj . . .

— — — — — — — — — — — — — — —

Monologfino: Ho, virinoj, kiu povas vin kompreni? Kiu povas vin taksi? Kiu povas imagi viajn vojojn? Ho, Dio!

El la juda: *M. Tuler*

# LETERKESTO

*(Alsenditajn manuskriptojn ni ne redonas.)*

**J. B.** Sub la pseŭdonimo *Kopar* sin kaŝas K. de Kalocsay. Li sciigas vin, ke li serioze konsideros vian bonvolan konsilon. Ĉar „la esperantistaro povas facile rezigni la „kolorvaloron" kaj „esprimkapablon" de li alportatan", li ebte serĉos „nacilingvon por li pli taŭgan."

Detalan respondon pri viaj kritikaj, diskutaj, riproĉaj kaj konsilaj rimarkoj li mem donos al vi en la tujposta numero.

„La revolvero" ne taŭgas.

**P. D.** Vi demandas nin, kial ni uzas en la revuo la virinajn nomojn *Maria, Renata, Klara* ktp., ili ja estas substantivoj, do devas finiĝi per la litero „o".

Ni estas dankaj, ke per via demando vi donas al ni okazon paroli pri ĉi tiu afero.

La problemo de la virinaj nomoj estas tute ne solvita en nia lingvo. Ĉe Zamenhof ni legas: Johanino, Antoniino, Ludovikino ktp., do, por derivi virinan nomon el vira, estas uzata la sufikso „ino". Sed same li uzas ankaŭ la nomon „Marta", kaj, laŭ nia opinio, en ĉi tiu *a* finaĵo kaŝas sin la solvo de la problemo.

Vere, la sufikso „ino" ne taŭgas tie ĉi. Vortoj, kiel Antoniino, Kristianino, Ludovikino, Konstantenino ktp. estas terure longaj, pezaj, tute ne taŭgaj signifi ĉarman knabinan estaĵon. „Mariino" estas tute ne ebla, nerekonebla, dum „Mario" ĉe la italoj estas ofte uzata *vira* nomo. Same: Berto, Diano, Emilio, Ireneo, ktp.

Ankaŭ la sufikso „-io", proponita de Meazzini en lia Esperanta-Itala vortaro, ne estas akceptebla solvo. „Antonio", „Emilio", „Oktavio", „Viktorio" estis uzataj ĝis nun kiel viraj nomoj, malfacile estus de nun uzi ilin kiel virinajn. Krome ĉi tiu solvo devigus nin uzi la terurajn, nenaturajn vortojn: Aleksandrio (nomo de urbo), Augustio, Bernardio, *Bertio*, Dianio, *Renatio*, Elvirio, Fernandio, *Franciskio, Johanio, Jozefio, Paulio, Paulinio, Vestio*, troveblajn en neniu lingvo de la mondo. Certe prefere Vilhelmino, Johanino, Jozefino, ol la ĉi supraj senformaj formoj.

Sed ni revenu al la vorto „Marta". Ĝin naskis neceso. „Marto" estus ja monato, „Martino" ŝajnus vira nomo, „Martenino" estus vortomonstro. La genio de Zamenhof elektis el kvar malbonaĵoj la malplej malbonan. Ni danku ĉi tiun elekton, ĉar ĝi montras al ni vojon solvi 90% procentojn de nia problemo.

Ĉi tiun solvon mi konigas nun en du reguloj. La *unua* regulo, pli facila, servas por la komuna uzado, la *dua*, pli komplikita, por la gramatikistoj, pruvante ke ĉi tiu regulo ne rompas la Fundamenton.

1. Ĉiu virina nomo finiĝas per litero „a". Virinan nomon el vira nomo ni faras tiamaniere, ke ĝian finaĵon „o" ni ŝanĝas je finaĵo „a".

2. Ĉiu virina nomo estas rigardata kiel adjektivo rilatanta al la (ellasita) vorto „ino". [Do: Johana (ino), Jozefa (ino).] Ĝi do konsistas el adjektivigita vira homo, kaj el la muta „ino." Ĉe tiuj virinaj nomoj, kiuj ne havas konforman virnomon, ni *supozas* tian.*

Per ĉi tiu regulo ni do ne rompas la Fundamenton, kaj ni ricevas nomojn kiuj estas plej similaj al la respektivaj nomoj uzataj en naciaj lingvoj. Jen ekzemploj: Maria, Marta, Berta, Ida, Ada, Cecilia, Emilia, Baba, Henrieta, Anna, Agata, Angelika, Antonia, Augusta, Barbara, Bernarda, Karola, Debora, Diana, Dorotea, Eleonora, Eliza, Elizabeta, Elvira, Eugenia, Eva, Flora, Emma, Franciska, Gabriela, Genoveva, Georga, Getruda, Helena, Irena, Izabela, Izidora, Johana, Jozefa, Julia, Kamila, Katerina, Klara, Klotilda, Kristina, Laŭra, Lidia, Livia, Lucia, Luiza, Ludovika, Margareta, Mariana, Matilda, Monika, Natalia, Ofelia, Olimpia, Rebeka, Olivia, Paŭla, Paŭlina, Pia, Priska, Regina, Renata, Roza, Rozalia, Roksana, Sibila, Santa, Sara, Serafina, Serena, Severa, Silvia, Simona, Sofia, Stefania, Suzana, Tekla, Teodora, Terezia, Valeria, Veronika, Viktoria, Vilhelma, Viola, Virginia, Zaira, Zenobia, Zita, ktp.

Estas kelkaj nomoj, kiuj malfacile eltenas ĉi tiun metodon. Ni citu: Adel, Alice, Beatrice, Judit, Agnes, Ester, Dolores, Raĥel, Karmen, Noemi, Niobe, Salome, Rut, Zoe, Abigail. Ili povas resti senŝanĝaj, kaj aparteni al la kategorio de *naciaj* nomoj. Ĉar kompreneble ne ĉiun nomon oni devas esperantigi. Nomoj kiel „Jacques", aŭ „Jack" ne ĉiam estas tradukeblaj per „Jakobo". Multfoje la originala vortformo apartenas al la „loka koloro", kaj domaĝe estus difekti ĝin per traduko. Ankaŭ „Björnsterne Björnson" ne estas „Ursostelaro Björnson".

Ĉi tiu demando apartenas al tiu ĝena flanko de lingvo, kiun nenia artefarita lingvo povus iam solvi per siaj propraj reguloj, per sia propra logiko. Ĝuste la rigora altrudo de ĉi tiuj reguloj ne permesis solvi ĝis nun la demandon. Sed, laŭ nia opinio, la supre proponita solvo, krom sia natureco kaj bonaj rezultoj havas ankaŭ tiun avantaĝon, ke ĝi, per la apliko de la artifiko de l'dua regulo, malpleje rompas tiujn regulojn kaj tiun logikecon.

**S. S.** Vi ne estas la sola, kiu havas dubojn pri la uzo de la *artikolo*. En la Fundamento oni ne trovas certan regulon pri ĝi kaj ankaŭ la plej multaj lernolibroj preterglitas ĉi tiun aferon. Okaze de via demando ni klopodos doni iom pli detalan klarigon.

Oni *uzas* la artikolon:

1. *se temas pri io jam konata, difinita, jam priparolita.* Ekzemple: „Mi ricevis leteron de U. E. A." (ian ajn, neatenditan). „Mi ricevis *la* leteron de U. E. A." (tiun certan, pri kiu vi scias, ke mi atendis ĝin). Mi rakontas al mia amiko: „Mi renkontis homon irantan kun ses hundoj." Ni iom parolas pri ĉi tiu stranga kutimo. Kelkajn tagojn poste mi denove vidas tiun homon. Renkontinte poste mian amikon, mi diras: „Mi vidis *la* homon irantan kun ses hundoj."

2. *se temas pri io kiel pri reprezentanto de sia klaso, kategorio.* Ekzemple: „*La* homo (ĉiu estaĵo apartenanta al la kategorio: homo) estas dupieda, senpluma besto." Same, se, en *multenombro*, temas *pri la tuta klaso*, ĝenerale, aŭ pli malvaste. Ekzemple: *La* hundoj estas fidelaj bestoj. Oni elhakis la arbojn apud la vojo. (Ĉiujn arbojn kiuj estis apud la vojo). Sed: „Oni elhakis arbojn (kelkajn, plurajn) apud la vojo.

3. *se temas pri io ununura, sola en sia speco.* (*La* ĉielo, *la* firmamento, *la* suno, *la* Tero.) Servisto enkuras kaj krias: mortis ĉevalo. Tio estas: mortis iu nedifinita el la ĉevaloj. Sed se li krias: „Mortis *la* ĉevalo", tio signifas ke mortis *tiu certa* ĉevalo, pri kies malsano oni sciis, aŭ mortis la *sola* ĉevalo, kiun oni havis.

Resume: oni *uzu* la artikolon, se al la resp. vorto estas antaŭmeteblaj, sen la ŝanĝo de la senco, la jenaj vortetoj: *tiu, tiu certa, ĉiu, ĉiuj, ambaŭ, sola, unuinura, unika.*

Oni *ne uzu* la artikolon, se estas antaŭmeteblaj: *ia, iu, iu certa, kelka, kelkaj, peco da, multa, multaj, pluraj.*

Per ĉi tiu sinkontrolo oni bone povas sin helpi okaze de dubo.

Ekzemploj: folio de arbo = arbfolio (iu, laŭplaĉa),
folio de la arbo = iu, okaze trafata, laŭplaĉa folio de certa, difinita arbo,
la folio de arbo = certa, difinita arbfolio,
la folio de la arbo = certa difinita folio de certa difinita arbo; aŭ folio de tiu arbo ĝenerale. (Ekz.: la folio de ĉi tiu arbo estas dentumita.)
folioj de arbo = kelkaj aŭ multaj arbfolioj,
folioj de la arbo = kelkaj aŭ multaj folioj de certa, difinita arbo,
la folioj de arbo = certaj, difinitaj arbfolioj,
la folioj de la arbo = ĉiuj folioj de certa arbo.

Ankoraŭ kelkaj reguloj.

La personaj nomoj kaj „Dio" estas *sen* artikolo. Same la land- kaj urbnomoj. La river- kaj montonomoj *havas* artikolon.

Se la epiteto de persona nomo, landnomo, urbnomo estas *adjektivo*, ĝin antaŭas artikolo. Se ĝi estas substantivo, la artikolo mankas. (La bona Dio. La perfida Efialtes. La kuraĝa Petro. Johano la Brava. Rikardo la Leonkora. Johano la Sentera. Reĝo Filipo. Imperiestro Rudolfo. La brila Parizo. La potenca Britujo. Malsaĝulo Peĉjo. Sinjorino X. Dro Zamenhof. La du fratoj van Buck.) Escepto: Sankta Johano. Beata Angelika, ktp.

Atentu: Johano estas *la* Herkulo de la vilaĝo.

Abstraktaj vortoj kaj vortoj de *materialo* estas sen artikolo, se ili staras solaj. Ekz.: fero estas mineralo. Amo estas donaco de Dio. Sed: *la* fero de Germanujo. *La* amo *de* l' filo.

Se la adjektivo estas uzata anstataŭ substantivo, ĝi havas artikolon. (La plej multaj jam foriris. Ĝi estas la mia. La Ĉiopova.) Antaŭ *plej* ni uzas artikolon, escepte se ĝi rilatas al *adverbo*. (Estus plej bone.)

Jen la misteroj de la artikolo. Se vi havus ankoraŭ ian dubon, bonvolu skribi, ni volonte estos, publike, je via dispono.

**M. T.** Bedaŭrinde honorarion ni ne povas pagi al niaj kunlaborantoj. Ni tre dezirus esti en tia situacio ke ni povu rekompenci ilin, sed ĝis nun ankaŭ la redaktantoj devis *oferi* monon por la revuo. Vi do devas kontentiĝi per honorekzempleroj. Ni konscias, ke *vera* gazeto rekompencas siajn kunlaborantojn, sed *vera* gazeto ne havas deficiton. Ho se ni povus fariĝi fine *vera* gazeto. Helpu nin por tio. Cetere ni notos nian ŝuldon al vi kaj pagos ĝin post la akiro de la dumila abono. Kaj tiam ni pagos al la aliaj. Kaj tiam la revuo ŝanĝiĝis nerekoneble. Kaj tiam ni estos proksime al tio, kion ni promesis en la unua numero de la unua jaro. Ĝis tiam, paciencon. Cetere ĉi tiu pacienco estas pli turmenta por ni, ol por vi, sed bedaŭrinde ĝin eminente eltenas la plejparto de la esperantistaro.

*La bildoj troveblaj en la jena numero estas reproduktitaj, en arta kolora preso, de Arteldona A. S. Könyves Kálmán Budapest, kaj tie mendeblaj.*

*Ĉi tio ne estas malpli akceptebla ol la supozo, de la vorto „fraulo", el la vorto „fraulino".




UNU DEMANDO: kial vi ne abonas nian plej belan gazeton?
UNU RESPONDO: la kaŭzo estas nur, ke vi ne konas ĝin!
UNU SUPOZO: se vi konus, vi tute certe tuj abonus ĝin!
UNU INFORMO: ĝi enhavas literaturon, muziknotojn, bildojn.
UNU SEKRETO: LM. estas la plej malkara esperantogazeto.
UNU ESPERO: vi abonos, abonigos LM-n, vi verkos por LM
UNU KONSILO: sendu tuj 144 mil hung. Kr.-ojn (2—2·10 dol.) al
UNU ADRESO: Hung. Esp.- Instituto Budapest, Eötvös u. 3

## ĈU VI JAM KONAS

la monatan gazeton

# »INFORMOJ«

„DE ESPERANTO-ASOCIO DE ESTONIO"?

Domaĝe, se ne. Ĉar ĝi estas la sola esperantlingva perioda eldonaĵo *speciale* dediĉita por la vigligo de la Esperanto-societa vivo kaj kreo de esp-ista spirito de solidareco. *Konstantaj fakoj:* Debatejo esp-ista; lingvaĵaj recenzoj; korespondadresoj; kroniko k. t. p.—*Kunlaboras:* la plej spertaj estonaj s-anoj, lingvokomitatanoj. Bünemann, Rob. Kreuz k. aliaj. *Specimenoj* sendotaj kontraŭ 1 respondkupono. *Abono:* 1 jaro — 3 Sv. fr. 1/4—0·75 Sv. fr. *Anoncoj:* 5 Sv. cent. por 1 kvadr. cm. *Administrejo:* Tallinn, Estonio — poŝtk. 6.

**"Informoj" aperas jam trian jaron!**

**INTERNACIA MEDICINA REVUO** REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO BUDAPEST VI, TERÉZ-KÖRUT 4

**OFICIALA ORGANO DE T. E. K. A.**

Esperantistaj kuracistoj nepre abonu ĝin!

Ĵus aperis **Bulgara Antologio**

(prozo kaj poezio) 25 pagha ampleksa verko kun portretoj. Prezo: 5 fr sv. au egalvaloro. — Mendebla che la autoro:

**Ivan Krestanoff, Pirdop, (Bulgarujo)**

APERIS EN NIA ELDONO

## »EXPORT CATALOG«

kaj ĝiaj du „SUPLÉMENT" - ajoj kun proksimume 500 figuroj pri tiuj artbildoj, kiuj en arta fabriko estas publikitaj de la suba artaj-eldona societo kaj estas aĉeteblaj en ĉiuj pli grandaj artaj - vendejoj La prezo de la katalogo estas 4 50 fr. sv.

**KÖNYVES KÁLMÁN MAGYAR MŰKIADÓ R-T**
BUDAPEST VI, NAGYMEZŐ-UTCA 37/39



**KIU ESTAS LA PLEJ BELA LIBRO EN ESPERANTO?**

LA ĜUSTE-SOLVINTOJ RICEVOS PREMION LA REZULTO ESTOS PUBLIKIGATA

# ENIGMO

SENDU VIAN SOLVON ĜIS 31-A DE MARTO AL:
**HUNGARA ESPERANTO INSTITUTO**
BUDAPEST, VI. KERÜLET, EÖTVÖS-UTCA 3. SZÁM

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró